# FEN-X

Forumo de Esperanto Nederland

www.esperanto-nederland.nl

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:**
H. Bakker, Kastelenstraat 231, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 //
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeind:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.


## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de julio. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj. Krome tre bonvenaj estas bildoj por la frontpaĝo!

## ENHAVO



## ĈE PAĜO 1

La reĝino dum vizito al Zaanstad en 1983 akceptas bukedon de sovaĝaj floroj, kiujn infanoj plukis ĉe la vojrando, kun la sama ĉarmo kiel ŝi antaŭe akceptis luksan bukedon. (foto de R.v.Houten). Vidu ankaŭ la artikolon Fiera pri Nederlando en paĝo 9.

## DE LA REDAKCIO

Baldaŭ okazos en nia lando la Universala Kongreso. Tial ni prezentas al vi en nia revuo kelkajn artikolojn, kiuj eble estas interesaj por eksterlandaj gastoj.
Al tiuj apartenas ankaŭ la bildo en paĝo 1 kaj la artikolo en paĝo 9.
Por eviti miskomprenojn: mi estas respublikano. Tamen mi ne estas senscia kaj mi amas la veron. Kaj unu el la plej agrablaj spertoj en la vivo estas la eblo raporti pri bonaj ecoj de aliaj homoj. Malfeliĉe en la gazetoj raportoj kaj artikoloj pri la malbonaj ecoj ĉiam estas tro multaj...
De juna leganto, kiu nur ĵus eklernis nian lingvon ni ricevis plendeton pri la malfacileco de la enhavo de Fen-X. Ĉu ankaŭ vi tiel opinias? Ni estas scivolaj pri via opinio, ĉar novaj lernantoj ja estas la bazo de nia espero pri bona estonto por nia asocio...
Mi esperas ke ni denove sukcesis prezenti al vi numeron kiu donas al vi plezuron.

JKH/La redakcio.

## ŜANĜOJ en la MEMBROLISTO

***Novaj membroj:***
S-ro Z(ico) van Dijk, Roomberg 30, 7064 BN Silvolde, tel.0315-244090, <zvandijk@googlemail.com>.
S-ino T.Nassenheim-v.d. Leest, Thibautstraat 16, 4363 BG Aagtekerke. Tel. 0118-594711, <nasstein@zeelandnet.nl>.
S-ro P. V.d. Molen , Mondriaanplein 33, 5401 Ĥ Uden. Tel. 06-480 483 07. < piet.vandermolen@gmail.com>.
***Ŝanĝoj:***
S-ro J. Verhoeff, Adr. Kluitstraat 170, Kamer 105, 3052 RJ Rotterdam (Nova adreso).
S-ino M.A. van der Kooij-Waal, Nieuwendamlaan 1, 2547 JG Den Haag (Nova adreso).
***Malmembriĝo:***
S-ro A. Bras, Dordrecht.

## IMPRESOJ PRI LA 17-A ĜENERALA MEMBROKUNVENO

Sabato la 24-a de majo estis sunbrila tago, sed ne malpli ol 44 membroj de ESPERANTO NEDERLAND kaj 2 gastoj preferis kunsidi en Utrecht anstataŭ ĝui la someran veteron. Inter ili ne mankis nia fidela belga kamaradino Stella de Weerd, kiu spitis la longegan vojaĝon kaj la surprizojn per kiuj nuntempe nederlandaj fervojoj regalas siajn klientojn.

La prezidantino, Ans Bakker-ten Hagen malfermis la kunvenon prezentante kuraĝigajn kaj optimismajn vortojn. Ni bedaŭras la forpason de 7 membroj en la pasintaj 12 monatoj, kaj ni memoris ilin starante dum solena kaj silenta momento. Sed aliflanke ni povas ĝoji pro la aliĝo de 10 novaj membroj en 2007, kies meza aĝo estas 54,5 jaroj, plus 13 membroj en 2008 ĝis majo, kies meza aĝo estas 46. Ĉu do finfine la ŝrumpado pasis? Ĉu la optimisma parolado estos profetaĵo?

Multo dependas de la funkciado de la estraro ekde nun. Kvankam la estraro tradicie estis nekompleta, ĝi sukcesis plenumi multajn taskojn, rutinajn kaj freŝajn. El tiu teamo de 5 + 1 (Ineke Emmelkamp ne estante estrarano tamen praktike plene partoprenis la estraran laboron) nun elfalis du, do restas 3 + 1. Tio ne povas resti sen sekvoj. La prezidantino invitis membrojn kiuj hezitas eniri la estraron, veni dum iom da tempo kiel staĝanto. Staĝanto sekvas la korespondadon kaj interparoladon en la estraro sed ne portas respondecon de estrarano.

Povas esti ke li/ŝi tiumaniere perdas la timon kaj iom post iom ŝatas alporti sian brikon en la konstruado de ESPERANTO NEDERLAND.



La Asocio Esperanto Nederland

Asignas la premion je la nomo de

Verloren van Themaat

en la jaro 2008 al

Sinjoro Wim Jansen

Pro lia nelacigebla diligenteco publikigi pri Esperanto en i.a. sciencaj medioj

La jurio — la 24an de majo 2008

Wil van Ganswijk nome de la ĵurio anoncis ke la premio Verloren van Themaat ĉi-jare iris al nia docento en la universitato, Wim Jansen. Li baldaŭ profesoriĝos, kio estos krono sur lia klopodado doni solidan lokon al Esperanto en la universitato de Amsterdam. Liaj studentoj fariĝas ĉiujare pli multnombraj, kaj eĉ unu ĉi-jare elektis Esperanton kiel temon por sia bakalaŭra tezo.

Tion jam sciis pluraj membroj de ESPERANTO NEDERLAND, ricevinte ŝian enketilon pri lingvo-uzado en diversspecaj interhomaj rilatoj.

La lasta temo de la tagordo estis la adiaŭo de Ans kaj Hans Bakker kiel veteranaj estraranoj. Tio okazis kun donacoj, varmaj vortoj kaj feliĉe sen larmoj.

Precize je la lunĉhoro la kunveno estis fermita.

**Lingva Pasporto.**

Posttagmeze Katalin Kovats sukcesis kapti ĉies atenton malgraŭ la longeco de sia prelego. Temas pri sistemo de "mezurado" de scio de fremda lingvo. Tiu mezurado, kiu fakte estas taksado de la lernanto mem pri sia lingvonivelo, servas al komparado inter diversaj landoj de Eŭropo, ekzemple en ekzamenoj kaj diplomoj. Tia lingvotesto, aŭ pli ĝuste: juĝmaniero ne estas nova. Nova estas, ke ĝi estas oficiale akceptita de la landoj aliĝintaj al la Konsilantaro de Eŭropo kaj ke lastatempe ankaŭ Esperanto estas akceptita kiel unu el la fremdaj lingvoj en la sistemo.

**La Universala Kongreso.**

Ans Bakker post tio parolis pri la programo de la kongreso. Ŝi konfesis ke Rotterdam ĉiam pli konkeras ŝian koron. Kongresanoj kiuj volas kompreni tion, devas partopreni la ekskursojn por ekkoni la urbon.

Marijke Lathouwers informis la ĉeestantojn pri la volontula helpado dum la baldaŭa UK. Jam 70 volontuloj sin anoncis, sed kelkaj vakaj lokoj plu ekzistas. Ekzemple tiuj kies tasko estas forpeli nepagintajn partoprenemulojn. La nederlanda lingvo havas belan vorton por tiu funkcio: Uitsmijter (elĵetisto). Ŝajne la entuziasmo estas pli granda por bonvenigaj taskoj ol por malbonvenigaj.

Je la ĝusta finhoro (la 16-a) oni kontenta forlasis la salonon, sen helpo de elĵetistoj.

Hans Bakker

## NGGE-STUDOTAGO

Ni invitas ĉiujn membrojn de NGGE kaj ĉiujn interesitojn al la NGGE-Studotago, kiu okazos sabaton la 4-an de oktobro 2008 en salono de la Andreo Cseh-Domo (Riouwstraat 172, Den Haag).

Tiam prelegos Stano Marcek, redaktoro de la revuo Esperanto, pri sia laste aperinta verko "Esperanto per rekta metodo". Li montros kadre de tiu prelego, kiel utiligi la verkon en la klasĉambro.

Plie, S-ino Kasja Marciniak, nuntempa UEA-Sekretario, prelegos pri Pollando, lando de la venontjara Universala Kongreso. La interesitoj partopreni bv. sin anonci al la NGGE-Sekretario, S-ro Atilio Orellana Rojas ĉe <iesperanto@versatel.nl>.

NGGE petas la ĉeestantojn pagi EUR 5,00 por partopreni en la programo. La monon oni sendu al la konto 2315416 nome de ESPERANTO NEDERLAND Vakgroep NGGE, p/a Mesdaglaan 105, 2182 SG Hillegom.

La Andreo Cseh-Domo estas atingebla de la Centra Stacidomo per la tramlinio 9 (1 zono). Akcepto kun kafo/teo je la 10:00. Komenco je la 10:30.

Informis Atilio Orellana Rojas

## INSTRUISTOJ SERĈATAJ

Karaj gesamideanoj!

En interreto estas karto per kiu lernantoj kaj instruistoj povas interkonatiĝi. En la retejo <www.dakje.nl/map/map.php> estas karto kie ĉiu povas anonci sin kiel instruisto. Celo estas: kiel eble plej faciligi la aliĝon de novaj kursanoj. La karto ampleksas Nederlandon kaj Belgion. Malfeliĉe la listo de instruistoj estas ankoraŭ modesta, tial mi invitas vin: iru al <http://www.dakje.nl/map/addproject.php> .

Se vi havas demandojn, mi klopodos helpi vin.

Ĝis revido, Douwe Beerda,
<douwebeerda@gmail.com>

## FONDAĴO POR LA KATEDRO

***Internacia Esperanto-Instituto IEI transprenis de la iama Stichting Esperanto bij het Onderwijs la flegadon de la Katedro Interlinguïstiek en Esperanto.***

***La Ĝenerala Membrokunveno decidis finance subteni tiun laboron, pagante dum 5 jaroj (2008-2012) po EUR 5 000,-- pere de IEI por la funkciigado de la Katedro.***

***En siaj gratulaj vortoj al la premiito d-ro Wim Jansen (Verloren van Themaat-mediaprijs) la prezidinto Ans Bakker-ten Hagen menciis estraran decidon:***

***"La estraro starigis "Leerstoelfonds", fonduso por akiri monon por la Katedro rilate al agado ekster la regula programo de la lekcioj. Ekzemple simpozioj kaj aliaj aranĝoj kiuj iel atentigas pri (la funkciado de) Esperanto".***

***Mondonacoj estas bonvenaj ĉe poŝtbanknumero 37 55 22 de ESPERANTO NEDERLAND, 1704 BH Heerhugowaard. Oni menciu "Leerstoelfonds". La donacoj estos aparte registritaj kaj estos menciitaj en FEN-X kun nomo de la donacinto (escepte de tiuj kiuj ne deziras tion).***

## OFICIALA TEKSTO DE LA DECIDO

La asocia estraro dum sia 103-a kunveno en Utrecht decidis krei novan fonduson. Jen la preciza teksto:

***Leerstoelfonds***

***Verantwoordelijk voor de instandhouding en financiering van de "Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto" aan de Universiteit van Amsterdam is de Stichting Internationaal Esperanto-Instituut te 's Gravenhage. Middels de jaarlijkse begroting verleent de Vereniging ESPERANTO NEDERLAND daarvoor financiële steun aan deze stichting.***

***Het Leerstoelfonds heeft tot doel de Leerstoel extra te ondersteunen ten behoeve van activiteiten die het bestuur van de vereniging voor de ontwikkeling van Esperanto van belang acht.***

***De verantwoordeljkheid voor de besteding van de middelen van het fonds berust bij het bestuur vn de vereniging. De penningmeester van de vereniging beheert de middelen.***

***Jaarlijks wordt door het bestuur aan de leden van de vereniging en aan de begustigers die geen lid zijn van de vereniging, schriftelijk verantwoording afgelegd.***

## KOMUNA EŬROPA REFERENCKADRO: NIMEGA INVENTO !

Post la jarkunveno de ESPERANTO NEDERLAND la 24-an de majo en Utrecht S-ino Katalin Kovats rakontis pri la ĵusa aperigo de libro pri la Komuna Eŭropa Referenckadro, tradukita de Roel Haveman. Temas pri internacia metodo por fiksi la nivelon de lingvoscio por kiu ajn lingvo. Iam ni difinis la lingvoscion je MULO-nivelo aŭ HBS-nivelo, neklara difino kaj internacie ne-uzebla.

Nun oni fiksas la lingvonivelon tuteŭrope konkrete je Al, A2, Bl, B2, Cl aŭ C2. Eble vi jam renkontis tiun kodigon en artikoloj pri la "inburgeringscursus". Sinjorino Kovats interesstile rakontis pri ĉi tiu nova referenckadro. Kion ŝi ne rakontis (ĉar ne sciis), estas ke tiu referenckadro estis inventita antaŭ proksimume 14 jaroj de la lingvo-instituto EŬROLINGUIST en Nimego (nuntempe en Sionshof). Do tiom nova tiu referenckadro ne estas. Mi tion tiel certe scias, ĉar mi mem estis envolvita en la disvolviĝo de tiu instituto ek de ĝia komenco pro mia funkcio ĉe la Ĉambro de Komerco kaj Industrio de Nimego kaj Ĉirkaŭaĵo.

En 1986 vizitis min sinjorino Marri J. van der Meijden, kiu volis establi instituton en Nimego por instrui lingvojn laŭ tre rapida kaj intensiva metodo, kiun ŝi disvolvis dum siaj jaroj en Afriko. Ŝi petis mian helpon por la surmerkatigo de sia instituto. Mi helpis al ŝi akiri la unuajn klientojn (komercajn entreprenojn) kaj ŝi sukcese kreskigis sian entreprenon. Ĝi iĝis unu el la plej grandaj lingvoinstruejoj en Nederlando. Ankaŭ el eksterlando multaj klientoj venis.

Mi daŭre rilatis kun la instituto. Tiel s-ino Van der Meijden informis min antaŭ ĉ. 14 jaroj pri sia invento de la lingvoscia referenckadro, kiun ŝi bezonis por interna uzo por fiksi la lingvoscian nivelon de siaj kursanoj.

Du jarojn poste la sistemo estis plenkreskinta kaj CITO montris interesiĝon. Tio estis la momento organizi malferman tagon por oficiale enmondigi la Eŭrolinguistan Referenckadron. Mi mem tiel fiksis mian nivelon pri la angla lingvo dum tiu demonstracia tago. Do vi povas imagi, ke mi iom miris kiam s-ino Kovats parolis pri nova metodo.


*S-ino Katalin Kovats*

Post la enkonduko ĉe Eŭrolinguist, CITO kaj eble aliaj institutoj, la filino de la direktorino, d-rino Marjolijn van der Meijden-Bodegem, kiu finstudis Kognitivan Sciencon en la Radboud Universitato, estis invitita de la EU en Bruselo por tie demonstracii la referenckadron. Tion ŝi faris kaj ŝi estis invitita labori ĉe la EU dum du jaroj por enkonduki kaj internaciigi la metodon. Tiel ekestis la Komuna Eŭropa Referenckadro.

Konante la eŭropan burokration, mi povas kompreni ke nur nun EU lanĉis la sistemon kaj ke pro tio oni konsideras ĝin nova. Sed la radikoj troviĝas en Nimego. La urbo rajtas fieri pri tio. Nur bedaŭrinde ke evidente Roel Haveman kaj Katalin Kovats ne sciis pri ĉi tiu historio.

Malden, Kees Ruig, junio 2008.

## DISKUTADO PRI MALJUNIĜO EN EŬROPO.

La alkmara Esperantoklubo organizos dum sia internacia renkontiĝo, antaŭ la Universala Kongreso, diskutadon pri la "Maljuniĝo de la loĝantaro en Eŭropo" kune kun la eksterlandaj partoprenantoj en la renkontiĝo kaj kun kelkaj skabenoj de la komunumo Alkmaar. Ĉar la estraro de la klubo opinias ke la diskutado ankaŭ por nepartoprenantoj al la renkontiĝo povos esti interesa, ĝi donas la okazon al kelkaj nederlandaj esperantistoj partopreni en la diskuto.

La diskutado ĉefe temos pri la sekvantaj dek punktoj.

1. Ĉu ankaŭ en via lando montriĝas maljuniĝo de la loĝantaro?
2. Ĉu oni faras al si zorgojn pri tio?
3. Ĉu estas ankaŭ pozitivaj aspektoj en tiu ĉi evoluo?
4. Ĉu estas ia timo ke ekestos manko de laboristoj? Se jes, en kiaj sektoroj de la industrio?
5. Ĉu oni proponis solvojn por la ebla manko de laboristoj?
6. Ĉu enmigrado estas bona solvo?
7. Ĉu oni timas ke estos deficito pro la multaj ekstraj elspezoj por la maljunuloj?
8. Ĉu oni proponis solvojn por la ebla manko de sufiĉa mono?
9. Ĉu vi havas sugestojn por kontraŭbatali la negativajn sekvojn de maljuniĝo de la loĝantaro?
10. Ĉu vi havas aliajn sugestojn, rilate al tiu ĉi temo?

La diskutado okazos vendredon matene la 18-an de julio je la 10.00-a horo en la antikva urbodomo de Alkmaar, Langestraat 97 (1811 JD). Tamen de la 9.00-a ĝis la 10-a horo en la sama domo okazos fare de la urbestro kaj skabenoj la oficiala akcepto de la partoprenantoj al la alkmara "Renkontiĝo 2008". Tiuj kiuj ankaŭ volos ĉeesti tiun akcepton, devos esti minimume 15 minutojn antaŭ la komenco en la urbodomo.

La partoprenantoj devas anonci sin telefone aŭ retpoŝte ĉe: Els ten Hagen, 072-5717918 aŭ <ethr.esperanto@planet.nl>

## SERĈLUDO 2008

En Fen-X n-ro 2/2008 la estraro lanĉis la ideon serĉi Esperanto-vortojn kiuj estas uzataj en la Nederlanda publika vivo. La redaktoro Ko Hammer tuj golis la vorton ferio, kiun li fotis ĉe aŭtobushaltejo. Ankaŭ alimaniere oni povas pruvi ke Esperanto-vorto estas uzata publike. La ekzemplo kiun ni menciis bovo ne estas bela, ĉar tiun vorton la firmao BOVO ne uzas en trafa signifo. Pli bona estas la trovo de Ineke Emmelkamp. Ŝi sendis la rozkoloran opinigazeton Opinio, kiu ĉiusemajne estas aĉetebla en kioskoj kaj librovendejoj.

Ni atendas ke la ludo, ne nur serĉa-, sed ankaŭ ŝerca, havos grandan rikolton. Kaj, jes, tiun premion de EUR 100,-- oni povas ricevi nur dum la ĝenerala kunveno 2009.

Serĉu kaj sendu viajn vortojn kun pruvilo al la sekretario.

## ESPERANTO PUBLIKE

Groesbeeks Weekblad, 13-05-2008, montras belan foton de Kees Ruig kaj Wilma de Bruijn kaj artikolon preskaŭ tutpaĝan sub la titolo "Een wereldtaal onder handbereik". La artikolo citas la du esperantistojn, unu novan, unu malnovan, kaj krome invitas al publika leciono la 3-an de junio en Groesbeek. (Sendis H.Wernik.)

De Twentsche Courant Tubantia havas rubrikon "Geflitst ? Nieuwtjes van de digitale snelweg". La 4-an de marto la rubrikisto raportis pri sia koincida trovo en germana TTT-ejo de Studosemajnfino en Bornerbroek. Foje la ŝoseo montras la vojon al tio kio okazas en la propra ĝardeno.

Nia Jacques Tuinder ĉiam vekas atenton kaj admiron de ĵurnalistoj pro sia agado por Evidente. La 27-an de aprilo 2008 Zondagochtendblad Beverwijk-Heemskerk raportis pri Jacques en Ukrainio. La intervjuo menciis kiom helpis la uzado de Esperanto dum lia restado. Heemskerkse Courant la 18-an de aprilo siavice prilumis la saman vojaĝon.

Ans Heijstra sendis "Esperanto proeflesje" en rimformo por Zondagochtendblad de 27-04-2008. La gazeto invitis sendi poemojn kaj Ans tuj ĉerpis ion el La Verda Stelo.

La anglalingva gazeto de Servas International dediĉis atenton al sia sekcio en Uzbekistan. Ĝin fondis loka Esperantogrupo, kies foto akompanas grandan artikolon kun la titolo International Language and Visitors = Esperanto can serve Servas.

Artikolo "Tweede taal" aperis en pluraj regionaj versioj de Noordhollands Dagblad, la 12-an de aprilo. Temas pri letero de Ans reage al artikolo pri instruado de fremda lingvo en bazaj lernejoj. Kvankam mallonga artikolo, ĝi mencias la retpaĝon de ESPERANTO NEDERLANDO, kio tentas scivolantojn legi pli pri Esperanto. NHD de 17-05-2008 publikigis la rezulton de alvoko al la legantoj. Tiuj elektu "Tulipon de NHD" kaj la Esperantogrupo de Alkmaar proponis blankan tulipon: neŭtralkoloran, kaj harmoniantan kun la ruĝa Esperanto-tulipo. Fine, Ans trovis en Plus, la gazeto por super-50jaruloj, la demandon "Kun kiu popolgrupo vi ŝatus ekrilati?" Tiun pilkon antaŭ la golejo ŝi kompreneble enpafis, respondante: Kun ĉiuj popolgrupoj, per Esperanto!

Hans Bakker

## ESPERANTO-VORTOJ UZATAJ.

Dum la Festivalo pri la Liberiĝo, la 5-an de majo en Groningen estis budo pri Esperanto. Tie okazis renkontiĝo kun geedza paro.

La virino havas entreprenon kun la nomo SAMVALORA, la edzo komercas lignaĵojn, kaj donis al sia entrepreno la nomon LIGNO. - Informis: Ineke Emmelkamp

Kees Ruig informis: SP-delegito en Gelderland komencis unukandidatan partion sub la nomo "Solidara", kaj S-ino Verdonk fondis financan fondaĵon kun la nomo "Favorita".

## JOSEPH FINFINE DENOVE LIBERA.

Post pli ol kvarmonata “gastigado” en malliberejo Joseph estas denove libera de la kvara de majo. Unue li gastloĝis dum kelkaj tagoj en la domo de Varsovia esperantistino, poste li reveturis al la studenta domo en Bydgosczc kaj tie li povas resti ĝis la fino de junio. En junio Joseph veturos al Varsovio por plilongigi sian provizoran restadpermesilon aŭ eventuale akiri alian dokumenton kiu ebligos al li resti en Pollando pli longe.

Por iom pliagrabligi la restadon en la malliberejo mi interalie sendis al Joseph kelkajn librojn kaj li ricevis ankaŭ plurajn poŝtkartojn kaj leterojn de kelkaj aliaj subtenantoj. Post sia liberiĝo Joseph sendis al mi retmesaĝon en kiu li i.a. esprimis siajn “grandegajn dankojn” por la daŭra ĉiuspeca apogo, kiu multe utilis al li por trapasi la plurmonatan restadon en “karcero”.

Kiam mi sendas ĉi tiun mesaĝon al la redaktoro de Fen-X, mi (sed ankaŭ Joseph) ankoraŭ ne scias ĉu Joseph povos resti en Pollando aŭ ĉu oni lin resendos al Sud-Afriko. Kvankam Joseph antaŭe diris ke por li ne estos problemo se oni resendos lin al Sud-Afriko, mi opinias ke, pro la freŝdataj perfortaĵoj kontraŭ afrikaj eksterlandanoj, reveturo al Sud-Afriko intertempe fariĝis iom malpli alloga. Sed mi dubas ĉu tiuj perfortaĵoj por la “Poloj” estos kialo plilongigi la restadpermesilon de Joseph. Mi esperas ke post tiom da mizero ankaŭ por Joseph finfine komenciĝos pli agrabla vivo. Intertempe kelkaj subtenantoj sciigis al mi ke ili pretas daŭrigi la subtenon al Joseph. “La kampanjo por Joseph” celis ebligi al Joseph partopreni la unuan studjaron en Bydgosczc. Poste li planas reveturi al Sud-Afriko kie li eble/verŝajne povos havi postenon en la turista industrio. Mi ĝojas ke oni pretas eventuale daŭrigi la helpon al Joseph, sed ĉu tiu helpo necesos, pruvos la venontaj semajnoj/monatoj.



Luit Staghouwer. Tel. 050-3014015
<luitstaghouwer@home.nl >

## SKOLTA ESPERANTO-LIGO

En februaro elektiĝis nova Centra Komitato, kiu dividis la taskojn jene:
Venkatesh Reddy: prezidanto, Guido Ricci: Ĝenerala Sekretario, Fabien Tschudy: Kasisto
Kinga Nemere Czachowska: Redaktorino
Volker Schlueter: Retisto. Li publikigos tiujn ĉi informojn en la retejo de SEL

Guido Ricci, Ĝenerala Sekretario
<www.esperanto.org/skolta>.

---

En antikva fortikaĵo de la defendejo de Amsterdam, “Fortikaĵo ĉe Den Ham”, Uitgeest, estas muzea ĉambro pri skoltismo. Ekde nun oni tie ankaŭ trovos informojn pri Skolta Esperanto-Ligo.

## ALVOKO AL LA NEDERLANDLINGVA ESPERANTISTARO

Sub la direktado de Nederlanda Lingvo-Unio (Nederlandse Taalunie: NTU), la ŝtata organizaĵo, kiu okupas sin pri la nederlandaj lingvo kaj kulturo, estas preparata ampleksa datumbazo kun nederlandaj pruntvortoj en multaj lingvoj tutmonde. En 2009 tiu ĉi kolekto estos senpage disponigita en la interreto por studaj kaj esploraj celoj. Eble ĝi aperos ankaŭ kiel presita libro.

La redaktorino de la verko varbis min kiel kunlaboranton por la eŭska kaj Esperanto. Tio signifas unuavice trastudon de vortlistoj en tiuj du “cellingvoj”, sed ankaŭ en eventualaj “interlingvoj”, kiuj eble pruntis el la nederlanda kaj poste transdonis la pruntaĵon al la cellingvo. Aldone, necesas kontroli la supozatan nederlandan originon de vortoj aperantaj en publikigitaj tekstoj, sed ne necese konfirmitaj en vortaroj. Ĝuste pri tiu ĉi lasta kategorio, kaj evidente nur pri Esperanto, mi petas vian helpon.

Se vi scias pri iu origine nederlanda vorto aŭ neologismo, proponita aŭ uzita en iu esperantlingva teksto, transprenita aŭ ne en iu unulingva aŭ dulingva vortaro, mi estus tre ĝoja, se vi povus komuniki al mi vian trovaĵon.

Kompreneble estas gravaj la fonto kaj la (proksimuma) dato, kaj cetere ĉiuj aliaj detaloj, kiuj povus rakonti al ni iom pri la naskiĝo kaj vivo (kaj eventuale ankaŭ la malapero) de tia nederlandaĵo. La enkorpigo de Esperanto en la grandan datumbazon de NTU estas plia pruvo pri tio, ke oni konsideras nian lingvon digna studobjekto. Mi memorigas vin pri du gravaj lastatempe publikigitaj verkoj pri la nederlanda lingvo, en kiuj aperas seriozaj mencioj pri Esperanto: Taal als mensenwerk. Het ontstaan van het ABN (2004) kaj Klein Uitleenwoordenboek (2006). Kun scivolo kaj granda antaŭdanko mi bonvenigos viajn kontribuojn, ĉu rete (wimjansen@casema.nl), ĉu per normala poŝto (vidu la adresaron de ESPERANTO NEDERLAND).

Wim Jansen.

## NEDERLANDAJ VORTOJ.

Kees Ruig kompilis liston de ĉ. 1200 vortoj kiuj estas preskaŭ la samaj en Esperanto kaj en la nederlanda lingvo. La listo eble utilos, se oni volas reagi al la alvoko en la artikolo ĉi-supre.

## ĴUS APERIS DU NOVAJ LIBROJ DE GERRIT BERVELING:

“Vojaĝimpresoj tra Siberio kaj Japanio” (Fonto, originalaĵo, 143 paĝoj) kaj “La Duakanonaj Libroj, volumo 3” (VoKo, traduko el Greka kaj Latina, 234 paĝoj).

Per la laste menciita verko, la Biblio en Esperanto finfine fariĝas (almenaŭ por Eŭropo) kompleta: mankas nun nur la Etiopia libro Henoĥ. Samtempe mi povas fieri, ke nia Biblio en Esperanto estas nun pli ampleksa, pli kompleta, ol la nova Nederlandlingva “Nieuwe Vertaling”.

En la venonta Fen-X ni donos atenton al la dua libro.

**INGE MÜLLER 1925-1966 - MOND NEUMOND DEINE SICHEL - LUNO NOVLUNO VIA LUNARKO**

*Mond Neumond deine Sichel*
*Mäht unsre Zeit wie Gras*
*Wir stehn aufrecht im Himmel*
*auf dünnern Stundenglas.*

*Der Stern geht seine Wege*
*Wir suchen unsern Weg*
*Wenn ich mich niederlege*
*geh über mich hinweg.*

*Luno Novluno via lunarko*
*falĉas nian tempon kiel herbon.*
*Ni staras rekte sub la ĉielo*
*Sur malpliiĝanta sablohorloĝo.*

*La stelo iras sian vojon*
*Ni serĉas nian vojon*
*Kiam mi kuŝiĝas*
*Transpasu min.*

Interpreto:

La poetino esperas ke ŝi ĝustatempe ekkonos sian destinon por ke ŝi koincidu kun la stelo pro kiu ŝi partoprenas en la universo.

lic. Jilde Stern-Agema

## PACAJ PROTESTANTOJ




Ili pace protestas ĉiujn tagojn ekde la 26-a de aprilo 2007, eĉ en Esperanto!

Ĉiujn tagojn ekde la 8-a matene, ili estas tie kun siaj aviztabuloj antaŭ la sidejo de la **Monda Organizo pri Sano (MOS)**, kaj ili restos tie ankoraŭ monatojn kaj probable jarojn, ĝis ili estus aŭskultataj! Tiuj reprezentantoj de multaj internaciaj **Ne-Registaraj Organizoj (NRO)** petas:

• ke MOS ĉesigu (aŭ ŝanĝu) la akordon, kiun ĝi kontraktis en 1959 kun la **Internacia Atomenergio Agentejo (IAA)**, kies komisio estas tutmonde disvolvi la uzon de atomenergio. Tiu akordo malpermesas al la MOS publiki ajnan studaĵon se IAA ne konsentas!

• ke MOS reprenos en siajn manojn ĉiujn problemojn, kiuj rilatas la uzon de la atomenergio kaj nia sano,

• kaj ke finfine, ĝi akceptos publiki la veran bilancon de **la eksplodo de Ĉernobil la 26-an de aprilo 1986**, eĉ se tio malplaĉus al IAA, kiu ĝis nun estas juĝanto kaj juĝato.

Ekzemple, kiam tre multaj scienculoj kaj tiuj NROj pensas, ke la vera tempobilanco estos inter 50 kaj 200 000 mortintoj, IAA (do MOS!) sciigas maksimume 4000 mortintajn (post kiam ili sciigis nur kelkajn dekojn dum multaj jaroj!). Plie, permesi, eĉ devigi la loĝantarojn resetli en radioaktivpoluaj regionoj estas krimo.

Fine atentigas la manifestacintoj, se ekzemple en via lando vi havus la povon kaj la moralan respondecon bilanci la antaŭvideblan nombron de mortintoj ligitaj kun la cigaredfumado, ĉu vi petus la cigaredfabrikistojn, ke ili **mem** taksu la nombron de mortintoj pro la cigaredoj, kiujn ili vendas? Kompreneble la rezultoj estus, ke ĉio iras bone en la pli bona mondo, kaj ke ĉiuj devus fumi por esti pli feliĉaj!

## VIZITO AL OVERVEEN

La sekcio en Haarlem dissendis invitojn por partopreni en kunveno kaj promenado en la naturparko Kennemerduinen, la 17-an de majo.



Ne tiom granda grupo kunvenis en la akceptejo "De Zandwaaier" kaj estis akceptita kun kafo kaj torto.

Poste oni povis elekti el tri ebloj: agrable babili, viziti la informcentron de la parko, aŭ promeni.

La promenantoj ĝuis la belan naturon, en la sudo de la parko troviĝas impone maljunaj arboj. Por ĉiuj promenantoj la promenado estis pli longa ol oni supozis!

En la informejo de la parko oni montris "rekonstruon" de juna virino, kies skeleton oni en la jaro 1998 trovis en la dunoj ĉe Castricum. Oni donis al ŝi la nomon "Hilde".

Per la trovo de Hilde oni lernis ke la dunoj estis loĝataj jam pli frue ol oni ĝis nun supozis, oni taksas ke Hilde tie vivis en la jaro 400.

Ŝi tamen donas al ni kelkajn enigmojn: Kial ŝi kuŝis ne kun aliaj en tombejo, sed tute sola? Kaj kial ne sur la dorso, sed sur la ventro? Pro kio ŝi ekhavis rompitan brakon? Ŝi certe ne estis viktimo de rabistoj, ĉar ŝi portis multvaloran kolieron.

Pro tio oni povus multe fantazii kaj babili. Estis simpla, sed tre agrabla kunveno, kiun ni memoros kun plezuro.

JKH.

## DUA EKSKURSO AL ESSEN



Sabaton la 19an de aprilo 2008 okazis TREEGE-2 (Translima Renkontiĝo Esperantista de la Esperanto-Grupo Essen) en Werden (Essen, Germanio).

15-ope (venis 4 el Nederlando) la grupo promenis al la Lucius-preĝejo (en bazilika stilo). Tie germana gvidanto montris la preĝejon dum Ludger Schmeynk tradukis liajn komentojn. Post tio, oni promenis al la Brehm-insulo en la rivero Ruhr, kie ni ĝuis bongustan piknikon, kun diversaj germanaj specialaĵoj, kiel salato, kolbasoj, fromaĝo kaj bulkoj. Kiel postmanĝon oni prezentis ĉokoladaĵon, pri kiu montriĝis ke germanoj kutimas nomi ĝin "Mohrkopf", dum nederlandanoj konas la frandaĵon kiel "Negerzoen". Tamen, en ambaŭ landoj oni nuntempe uzas la politike pli korektajn "Schokoküsse" (ĉokoladaj kisoj) aŭ "Zoenen" (kisoj).

Kiam blovis la vento estis malvarme, sed posttagmeze la vetero restis seka. Ni daŭrigis la tagon per promenado laŭ la Ruhr-rivero kontraŭflue kaj ni preterpasis kluzon el la komenco de la 19-a jarcento, kiu nun ne plu estas uzata pro la akvobaraĵo. Malantaŭ ĝi troviĝas la baraĵlago Baldenaysee, ĉe kiu ni varmigis nin en la trinkejo de remboata klubo. Poste oni vagadis tra la urboparto Essen-Werden. La tago finiĝis en itala manĝejo (trattoria), kie ni naŭ-ope vespermanĝis.

Ralph Schmeits, Helmond

## NOSOBE-SEMAJNFINO 2008

NOSOBE, la Nederlanda Societo de Blindaj kaj vidhandikapitaj Esperantistoj, ĉiujare dum la printempo proponasas semajnfinon al siaj membroj kaj al aliaj blindaj aŭ vidhandikapitaj kaj vidantaj esperantistoj.

Ĉi-jare ĝi, kun 20 partoprenantoj, okzazis de la 25-a ĝis la 27-a de aprilo 2008 en la konferencejo "Dennenheul", Ermelo, kiu estas speciale adaptita por vidhandikapuloj kaj blinduloj. Dennenheul situas apud bela arbaro, kie oni bone povas promeni. Venontjare novaj partoprenantoj estos bonvenaj, kun aŭ sen handikapo. Por tio oni kontaktu <www.nosobe.nl>.

La programo ĉiam komenciĝas per komuna kantado de Esperanto-kantoj. Ĉi-jare akompanis nin per pianoludo Herman Haasjes, specialisto pri popmuziko. Ĝenerale en la grupo estas multe da homoj, kiuj tre ŝatas muzikon. Pro tio ni ĉiam havas programerojn, kiuj temas pri muziko.

Dum la semajnfino okazis studgrupo por komencantoj, kiun gvidis Christoph Alferink, gramatika studgrupo por progresintoj, kiun gvidis Rob Moerbeek, kaj konversacia studgrupo por progresantoj, kiun unufoje gvidis Herman Haasjes kaj unufoje mi mem. Mi pritraktis la artikolon el Fen-X "Pri HOMOJ kaj NOMOJ", verkitan de Ko Hammer.

Grava estis la jarkunveno de NOSOBE. Jan Bemelmans, gvidis la jarkunvenon kaj la sekretarino Elise Lauwen faris la notulojn.

Ni ĉiam invitas esperantistojn por prezenti programeron. Ĉi-jare ni invitis la abelistojn Rosa kaj Waldemar Ebel el Krefeld en Germanio. Sabat-posttagmeze ili alvenis kun trezoro de abelistaj objektoj, kiujn Rosa Ebel montris al la grupanoj kaj la blinduloj povis palpi. Ĉe Rosa la grupanoj povis gustumi mieloproduktojn kaj trinki iom da mielovino. Waldemar prelegis pri diversaj abeloproduktoj kiel mielo, propoliso, vakso k.t.p kaj pri la tri diversaj specioj de abeloj: abelreĝino, laborabeloj kaj virabeloj. La prelego estis lingve kaj enhave altkvalita kaj la grupo montris grandan interesiĝon pri la temo.

Sabat-vespere Jan Bemelmans kaj mi prezentis kvizon el po kvar demandoj el ok diversaj temoj kiel sporto, muziko, literaturo, historio, naturo kaj scienco. Ni formis kvar grupetojn kaj en ĉiu grupeto oni povis interdiskuti la demandojn kaj la respondojn. Certe el nia kvizo oni povis multe lerni.

Dimanĉ-matene Jacques Tuinder prezentis poemon de Claude Piron, kaj raportis pri la verkoj de ĉi-tiu fama svisa lingvisto, psikologo kaj verkisto.

Je la fino Rob Moerbeek prelegis pri Mondfederalismo kaj pri siaj spertoj en ĉi-tiu internacia politika movado.

Ni finis la aranĝon per la kantado de la Esperanto-Himno kaj per la kantado de "Adiaŭa kanto" (Esperantlingva traduko de la angla kanto "Auld Lang Syne"). Rob Moerbeek akompanis la Esperanto-Himnon per la piano.

Jolien Schittko el Krefeld, Germanio.

## SEKRETA SOCIETO...

Ni ne rakontas al vi ion novan, kiam ni diras ke multloke nia asocio griziĝas, kaj ke kelkaj sekcioj pro tio spertas malfacilaĵojn. Sed kelkfoje esperdonaj eventoj okazas.

La vento alportis al ni bonan sciigon (vidu la noton). Grupo de entuziasmuloj klopodas aranĝi Esperanto-renkontiĝojn en Amsterdam, kie tiuj kunvenoj jam dum jardekoj ne okazis. Oni povus supozi ke la organizantoj faras ĉion eblan por ke tiuj rekontiĝoj estu sukcesplenaj, ke multaj homoj ilin vizitus. Oni ja ne investas energion en aranĝoj pri kiuj oni atendas malsukceson. Tial estas mirige ke ni ne ricevis ian inviton aŭ sciigon pri tiuj kunvenoj en la ĉefurbo, de kiuj la vento diras ke jam kelkaj el ili okazis. La organizantoj agas kvazaŭ temas pri sekreta societo, pri kiu ni nenion sciu! La vento eĉ sciigis al ni ke iu grava esperantistino estis gasto kaj ni ricevis plendojn de personoj kiuj volonte ĉeestus tian kunvenon.

Tial: karaj organizantoj, se vi denove organizas kunvenon, vaste diskonigu tion ne nur per letereto al kelkaj rilatoj, sed publikigu viajn planojn ĝustatempe en Fen-X, kiu volonte helpos kaj apogos vin.

*(noto: Mi iom ĉerpis el la indonezia lingvo. Tie "ngin" estas vento, "kabar" estas sciigo. Kabar angin - sciigo venta - onidiro, kiun oni hazarda aŭdas Kabar kawat - sciigo drata - tio estas telegramo.)*

JKH



## FIERA PRI NEDERLANDO.

Jes, mi estas fiera pri Nederlando. Ne ekzistas alia lando en la mondo kie reĝino povas viziti foiron pri brokantaĵoj, kaj tie estas kisata de vendisto. Kaj poste ŝi ne koleriĝas, sed feliĉe ridas. Sed tio ne estas la nura kialo de mia fiereco.

Nederlando estas lando kie la mortpuno ne ekzistas. Neniu restas en karcero sen decido de juĝisto, kaj torturado ne ekzistas, nek en nia lando nek hipokrite ni okazigas tion en eksterlando, kiel foje okazas. La juĝistaro estas tiom kuraĝa ke ĝi kapablas konfesi erarojn kaj estas preta plibonigi ilin.

En nia lando loĝas homoj, kiuj ĉiuj estas egalrajtaj. Viroj kaj virinoj povas geedziĝi, sed ankaŭ gejaj edziĝoj eblas.

Ni povas komforte vivi ĝis la morto nin vokas. Kaj tiam neniu povas devigi nin daŭrigi artefaritan vivon helpe de maŝinoj, kiam ni tion ne deziras.

Ni estas tiom riĉaj ke homoj en aliaj landoj riskas sian vivon por akompani nin. Kaj multaj el ni streĉas siajn fortojn por helpi al malriĉaj landoj plibonigi sian situacion, por ke tiaj rifuĝoj ne plu necesu.

La ekonomio estas sana kaj grava, sed ni ne pretervidas la gravecon de la naturo, kaj atentas pri la bonfarto de bestoj.

Okazas diservoj en kiuj kristanoj, judoj kaj islamanoj kune preĝas por paco, kaj ankaŭ aktive kunlaboras por realigi ĝin. Ie oni kune konstruis vojeton de helbluaj pavimoj inter la pordo de preĝejo kaj la enirejo de moskeo. Vojo de la paco ĝi estas, kaj simbolo de bonvolo.

Ni vivas en lando kie ĉiu rajtas diri sian opinion, kiom ajn freneza tiu estas. Kvankam malfeliĉe ne ĉiu kapablas fari tion sen ofendi aliajn homojn.

Kompreneble ankoraŭ estas aferoj plibonigindaj. Tial ni en liberaj elektoj povas voĉdoni por homoj kiuj kapablas fari la necesajn decidojn. Ankaŭ tio estas afero pri kiu oni povas esti fiera.

Mi estas fiera ke mi vivas en lando kie la edzo de la reĝino oficiale povis deklari kiel stulta estas la uzado de sufoka kravato, kaj tuj formetis ĝin.  Jes en tia lando mi volas vivi.

Mi esperas ke vi samopinias kun mi. Kaj ke vi sentas la emon tion diri al aliaj homoj. Tiam vi rajtas uzi ĉi tiun tekston, kopii ĝin, traduki ĝin, disvastigi ĝin kvazaŭ ĝi estas la via. Kaj ĝi estas la via, ĉar ĉi tie, kaj nun, mi transdonas ĉiujn rajtojn pri ĉi tiu teksto al ĉiu, kiu konatiĝas kun ĝi. Ĉar mi estas tiel fiera, ke mi esperas ke ĉiu scios tion.

Ko Hammer.

## RIGARDI MUELEJOJN...

Eksidi sur teraso, kaj rigardi 55 muelejojn. Aŭdi la bruon de la farejoj de oleo, kaj la kriadon de mevoj super la akvo de la rivero. Ĉu tio eblas?

Jes, tio eblas en bela somera tago, malfrue en la posttagmezo, kaj eĉ antaŭ 200 jaroj.

Tiun miraklon vi povas sperti en la Muzeo pri Muelejoj (Molenmuseum) en Koog aan de Zaan. Ĝi posedas panoramon: duonronda pentraĵo, kiu montras la ĉirkaŭaĵon de nordo, tra oriento al la sudo. Ĝin pentris la instruisto Frans Mars, ekde 1939. En la momento kiun li prezentas, proksimume 700 muelejoj estis aktivaj en ĉi tiu plej malnova industria regiono de la mondo. Nun restas el ili nur 14. La muzeo situas proksime de la stacidomo Koog-Zaandijk.

## DE “ZUIDERZEE” AL “IJSSELMEER”..

Post kiam oni en la tridekaj jaroj konstruis la fermdigon, la antaŭa Zuiderzee kun sala akvo, ŝanĝiĝis al lago kun (preskaŭ) dolĉa akvo. Tio havis grandajn sekvojn por la multaj vilaĝoj kaj urbetoj, kiuj grandparte sin vivtenis per la fiŝkaptado.

Pri ili oni faris subĉielan muzeon, kiu donas impreson kiel tiuj vilaĝoj kaj urbetoj aspektis antaŭ la fermado de la digo. Dum la someraj monatoj ofte loĝas en la dometoj homoj, aktoroj, kiuj ludas ke ili vivas en la historia epoko. Tre interese, sed por ĝi validas la sama rimarkigo kiel por la muzeo en Arnhem.

## ZAANLANDA REDUTO.

“De Zaanse Schans”, kvartalo en kiu la Zaan-regiono konservas antikvajn konstruaĵojn en speciala kvartalo, kiel en subĉiela muzeo. Apenaŭ necesas klarigi pri ĝi, ĉar jam ĝi estas konata ĉe turistoj en la tuta mondo. Vico de industriaj muelejoj ankoraŭ funkcias kaj pluraj estas viziteblaj.

Aŭtomobile ĝi estas atingebla el la oriento, pere de la aŭtovojoj A7 kaj A8. Se oni uzas publikan trafikon oni iru al stacidomo Koog-Zaandijk, de tie promenu al la muelejа muzeo (Molenmuseum). Flanke de ĝi estas strateto al parko, trairu la parkon, kaj je la fino vi trovos flavajn indikilojn al senpaga pramo kiu kondukos vin al la kvartalo. (Tio necesas, ĉar oni nun rekonstruas la ponton).

La Esperanto-klubo en Zaanstad preparis informilon pri la kvartalo, kiun vi petu ĉe la redakcio, kaj post telefona interkonsento mi (Ko Hammer) eble povos akompani vin. (Tel. (075)-61 66 931).

## SUB LA MARNIVELO.

Por eksterlandaj gastoj eble estas tre impone ke ĉirkaŭ la duono de Nederlando situas sub la nivelo de la maro... Sed ne necesas timi pro tio. En aliaj landoj okazas tertremoj kaj lavangoj, kiujn oni ne povas eviti, sed kontraŭ la akvo oni povas defendi sin per dunoj kaj digoj. La bildo montras kiom de nia lando estas sub la marnivelo.



Se vi volas scii je kiu nivelo vi troviĝas, vi uzu interreton: <http://zeeniveau.nl>, klaku sube en la ruĝa parto, kaj poste donu la poŝtkodon de la koncerna loko (sen spaco inter nombroj kaj literoj). Tiam vi ricevos la altecon kompare kun la meza mar-nivelo.

Depende de la tajdo la akvonivelo povas esti pli alta aŭ pli malalta (en la sudo la diferenco estas pli granda ol en la nordo).

La Centra Oficejo de UEA estas 0,70 metrojn sub la meza nivelo, okaze de katastrofo la akvo tie estus ĝis 3 metrojn super la strato.

## PLENA PANORAMO:

Rigardo de dun-pinto apud Den Haag.

Ĉi-tiu panoramo, pli impona ol la duona panoramo en Koog aan de Zaan, estas pentrita de MESDAG kaj estas trovebla en propra muzeo en Zeestraat, Den Haag.

En la sudo ĝi montras la fiŝistan vilaĝon Scheveningen, en la oriento la urbon Den Haag, kaj sur la marborda strando kuŝas la fiŝistaj ŝipoj kaj galopas ĉevaloj. Ĉion oni vidas el kiosko, sur pinto de duno. Malfeliĉe la konstruado de subtera parkejo tuj apud ĝi nun iom minacas la plu-ekzistadon de ĉi tiu grava pentraĵo.

## LA TUTAN LANDON EN UNU TAGO

Turistoj kiuj volas havi bonan superrigardon pri Nederlando, sed kiuj havas nur malmulte da tempo, povas iri al la modela urbo "MADURODAM" en Scheveningen. Tie estas miniatura modelo de multaj tre vidindaj lokoj en Nederlando. La vizito ĉiam estas interesa, sed certe kiam nederlandano akompanas la gastojn kaj povas doni klarigojn.

Tie troviĝas ne nur antikvaj lokoj, sed ĝi donas bonan bildon pri la lando, kiel ĝi nun aspektas kaj funkcias. Por antikvaĵoj oni iru al Arnhem..!

## SUBĈIELA MUZEO ARNHEM.

Al ordinara turisto mi malkonsilus viziton al ĉi tiu muzeo. Ĝi estas vere tre interesa, sed montras konstruaĵojn en nia lando el antaŭaj jarcentoj. Pri la nuna moderna Nederlando ĝi tute ne informas. Do: muzeo, nur por interesitoj!

## PRI LIBROJ KAJ REVUOJ

En la lastaj monatoj mi legis kelkajn novajn librojn kaj revuojn kiuj meritas recenzon. Jen do:
Beletra Almanako N-ro 1 (septembro 2007)
ISBN 978-1-59569-071-5

Temas pri tute nova eldono, kiun redaktas Jorge Camacho, Probal Dasgupto kaj István Ertl. Ne vidinte ekzempleron mi tamen sufiĉe fidis la kvaliton por mendi la unuajn tri numerojn kaj la unua tute pravigis tiun fidon. Jam mi antaŭĝojas pri la baldaŭa alveno de N-ro 2.

El la enhavo de pli ol 170 paĝoj mencieblas nur parto.

La rezultoj kaj gajnintaj verkoj de la Belartaj Konkursoj 2007 antaŭe aperis en Fonto, kiu bedaŭrinde ne plu ekzistas, aŭ dormas; nun ili troveblas en Beletra Almanako. Originala prozo kaj poezio i.a. de Luiza Carol (tre leginda rakonto!) kaj Den Drown, kies nomojn mi ne jam konis, kaj de pli konataj personoj kiaj István Ertl, Mao Zifu, tradukita prozo kaj poezio de verkistoj kaj poetoj el kiuj nur la rumanon Mircea Eliade mi jam konis, eseoj de Baldur Ragnarsson kaj Jorge Camacho - ambaŭ interesaj legaĵoj - recenzoj, premiitaj tankaoj de la Uta-festo de Oomoto. -Vere indas aĉeti kaj plurfoje legi ĉi tiun eldonon!

(Tagon post la verkado de ĉi tiu recenzo alvenis la dua numero, ISBN 878-59569-087-6, kaj laŭ la enhavotabelo ĝi estos same interesa kaj agrabla legaĵo kiel la unua.)

## FEMINA REVUO.

Amikino donis al mi numeron de la revuo Femina "revuo en Esperanto - ne nur por virinoj" el la jaro 2006. Ĝi enhavas artikolojn pri i.a. la vivo de virinoj en Meksiko, labormigrado de virinoj en Sud-Ameriko, artikolon de la Nobel-premiitino Rigoberto Menchú. Koncize, mi trovis ĝin tre interesa.

## KULTURAJ MISKOMPRENOJ.

En 2007 Eldonejo Bero aperigis Fraŭlino Maitreyi de Mircea Eliade en la traduko de Ionel Onet. (Ne estas ISBN numero). Enkondukojn verkis Probal Dasgupta kaj Constantin Cubleşan kaj ĉefine kelkaj vortoj de la tradukinto. La libro malfermas malmulte konatan mondon; ĝi temas pri konflikto inter religioj, kutimoj kaj tabuoj, vivstiloj de orienta kaj okcidenta kulturoj kaj baziĝas sur propra sperto de la aŭtoro en la dudekaj jaroj de la dudeka jarcento. Leginda libro pri brita inĝeniero en Hindujo kiu ekamas la filinon de sia gastiganto, kun dramaj rezultatoj. Miskomprenoj pro diferencaj kulturoj kaj vivspertoj, kontaktoj kun gejunuloj de brita-hinda deveno, vojaĝoj kaj laboro - ĉio interplektiĝas, farante multkoloran tutaĵon. La traduko estas flua, agrable legebla, kiel oni rajtas atendi de kaj la tradukinto kaj liaj helpantoj.

Anneke Schouten-Buys

# ĈIĈERONO EN ESPERANTUJO

**Informoj laŭ la decidoj de la lasta ĝenerala kunveno - 2008-05-24**

## ESPERANTO - NEDERLAND

**ESTRARO:** prezidanto - vakas (2011); J. Hoobroeckx-Dooren (2009) membro; Alfonso Pijnacker (2009) sekretario; Els ten Hagen-Renses (2010) kasisto;
membro - vakas (2010); membro - vakas (2011) .

**UTILAJ ADRESOJ:**

**Sekretario:** Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58, <sekretario@esperanto-nederland.nl>

**Membro-Administranto:** Remment Balk, Van IJsendijkstraat 271, 1442 CM Purmerend. tel. 0299 - 43 71 16, <membroj@esperanto-nederland.nl>

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl> Poŝtbankkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND; UEA-konto: ESNE-H

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen, tel. kaj fakso: 050- 57 18 842. Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum, tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>

**Studo-semajnfinoj:** Marijke Lathouwers, 0223-64 37 81 <lj.lathouwers@quicknet.nl> aŭ Juri Smolders, 075-612 34 71, <studieweekeinde@wanadoo.nl>.

### LA REVUO "Fen-X"

Aperas je la komenco de ĉiu nepara monato.
Kontribuoj estas bonvenaj ĝis la fino de tiu monato. Urĝaj komunikoj kelkfoje ankaŭ poste povas esti akceptataj.
Tekstoj estas bonvenaj per e-poŝto, aŭ kiel aldono en WORD, aŭ WORDPERFECT. Prefere uzu la "x-kodon" por literoj kun ĉapeleto, aliaj sistemoj donas multan nenecesan laboron!
Ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj, prefere NE manskribitaj.
BILDOJ: laŭ sistemo JPG, prefere ne malpli ol 200 DPI.
Abonoj nur eblas por eksterlandanoj.( EUR 15.- jare).
Redaktoroj estas Hans Bakker kaj Ko Hammer.

**<redakcio@esperanto-nederland.nl>**

Por ĉio kio rilatas al la ENHAVO de Fen-X, do NE por transdoni adresŝanĝojn, kaj petoj pri mankantaj numeroj ktp..

**<membroj@esperanto-nederland.nl>**

Por transdoni ŝanĝojn en adresoj, telefon-numeroj ktp, aŭ pri mankantaj numeroj de Fen-X.

### KOTIZO

EUR 27,50 inkl Fen-X, por samhejmano EUR 8,-. Por NEJ-membro inkl. Fen-X EUR 13,75, por samhejmano EUR 4.- Subtenantoj: EUR 10,-.Fen-X estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15,-.

### ANBI = ALGEMEEN NUT BEOGENDE INSTELLING.

ESPERANTO NEDERLAND estas agnoskita de la imposta servo kiel "Institucio Celanta Publikan Utilon" (ANBI). Tio donas specialajn avantaĝojn por tiuj kiuj donacas al ĝi kaj ĉe legacoj. Dsimpla kotizo ne estas imposte subtrahebla.

### MEMBROLISTO:

Membro povas peti membroliston al la membro-administranto. La listo ne estas kompleta ĉar ne ĉiu deziras ke sia nomo estas en ĝi.

### STATUTO, REGULARO:

Membro sen interreto povas peti la statuton kaj la regularon al la sekretario.

### KOMISIONOJ ktp.:

**Arbitracia komisiono:** R. Moerbeek (2011), K. Ruig (2009), A. Schouten-Buys (2010) / rezervoj: J.K. Hammer (2010), M. Van Oostendorp (2011).

**Kaskontrola komisiono:** J.Bosse-Sibbel, B. Engel, rezervuloj. A-S. de Vries kaj J. Tuinder.

**Faulhaber-Komisiono:** Els van Dijk-Kuperus, Ineke Emmelkamp, Els ten Hagen, Remment Balk.

**Mabesoone-fonduso:** Subtenas specialajn agadojn de la sekcioj. Sub la asocia estraro.

**Ĵurio Verloren Van Themaat-premio:**
Wil van Ganswijk-Vlasblom, Kees Ruig, Silvia Pilger.
La ĵurio estas sendependa de la estraro.

**Sekr:** Kees Ruig, Groesbeekseweg 53, 6581 BJ MALDEN. Tel. 024- 358 03 20.

**Retejo:** <http://www.esperanto-info.nl> kaj <http://www.esperanto-nederland.nl> // J. Hoobroeckx-Dooren, B. Klijn, I. Emmelkamp, M. van Oostendorp. Sendu viajn sciigojn al <retejo@esperanto-nederland.nl>.

### REPREZENTANTOJ:

**UEA-komitatano-A:** Ans J. Bakker-ten Hagen (2010)
**UEA-ĉefdelegito:** Kees Ruig (2007)
**Eŭropa Esperanto-Unio:** vakas.

### ARKIVOJ

Arkivoj pri Esperanto estas libere konsulteblaj por ĉiu ĉe: Intern. Instituut voor Sociale Geschiedenis, Cruquiusweg 31, 1019 AT AMSTERDAM. Tel. (020) 668 58 66 / Fakso (020) 665 41 81.
Tie estas la ankoraŭ ekzistantaj arkivoj de nia propra asocio kaj ĝiaj antaŭuloj.
Informoj pri la arkivo estas troveblaj ĉe:
<http://www.iisg.nl/archives/en/files/e/10929650full.php>

### KONTAKTO kun la ASOCIO

Ĉu vi serĉas kontakton kun la asocio? Por tio sufiĉas kelkaj adresoj, kiujn vi facile povos memori. Jen ili estas:

**sekretario@esperanto-nederland.nl (Alfons)**
Por normalaj komunikoj al la estraro kaj korespondo.

**estraro@esperanto-nederland.nl (estraro kun Ineke)**
Por aferoj tiom gravaj ke la kompleta estraro tuj konu ilin.

**prezidanto@esperanto-nederland.nl**
Por kontakto kun nur la prezidanto.

**kasisto@esperanto-nederland.nl (Els ten Hagen)**
Por korespondo pri financoj, kotizoj, fakturoj ktp.

**membroj@esperanto-nederland.nl (Remment)**
Por transdoni ŝanĝojn en adresoj, telefon-numeroj ktp, aŭ pri mankantaj numeroj de Fen-X.

**informado@esperanto-nederland.nl (Joke)**
Komunikoj pri Esperanto kiujn vi volas transdoni al gazetoj, radio-stacioj ktp. Ankaŭ proponoj kaj ideoj pri tio estas bonvenaj.

**retejo@esperanto-nederland.nl** Komunikoj ekz. pri kunvenoj, kiuj estu elektrone troveblaj per interreto, invitoj al kunvenoj, adresoj de lokaj aŭ regionaj kontaktpersonoj.

**info@esperanto-info.nl** kaj
**info@esperanto-nederland.nl (Ineke E.)**
Ĉi tie vi povas peti informojn, kaj ankaŭ mendi informilojn, broŝurojn ktp.

**studosemajnfino@esperanto-nederland.nl (Joeri Smolders)**
Ĉi tie vi povas aliĝi al studo-semajnfino, aŭ peti informojn pri ĝi.

